# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 4/11/2012 Okdektria Eldono 2012 04/10/2012 SENDITA


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

Se vi ne ricevas Tamen Plu de Bob Felby aŭ Australiaj Esperantistoj, aŭ ricevas dufoje, informu AE.




Trovis Nicole en fejsbuko

## Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

# NOVAĴO




## KLAKU! la hiperligiloj

### AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE



Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

### 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM

De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au.

Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj

### DONALD BROADRIBB OBITUARY

Eblas aldoni komenton en la gastlibro.

http://www.westannouncements.com.au/obituaries/thewest-au/obituary.aspx?pid=160585070 Sendis Nicole

# KLUBNOVAĴO




**Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj**



**La Manlia Esperanto-Klubo** kunvenis la 3an de Novembro. Ĉiuj bonvenaj. Unu taso da senpaga kafo

Venis Roger, Eunice, Chris, Jano, John



**Esperanto Domo** EFNSK Jarkunveno Kaj BBQ okazis dimanĉon la 28an de oktobro

Venis Dmitry, Richard, Alan, Michael, Margaret, Chris, Volo, Bob, Jano, Josip, Roger, Mei, Nicole

Vidu Telopeon por detaloj, protokolo, raportoj de la Jarkunveno

## Sidnejo: Esperanto-Domo Zamenhof Tago 16 Decembro 12 meztage Ĉiuj bonvenaj



## Central Coast Esperanto Club

kunvenos Sab 2ptm 10 Nov 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## La Brisbana Esperanto-Societo

monate kunvenas sabaton je 13.00, en la Centra Urbega Biblioteko. La venonta kunveno okazos je sabato novembro 17. Ni ekzercos pri gramatiko ktp. Je 15.00, ni iros al apuda kafejo por trinki kaj konversacii.

Kay Andersen



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...

Roberto Budzul



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os? Kiuj ĉeestis?

Maldetala informo sufiĉas. Skribu al AE kaj Aŭstralio rspring@tpg.com.au

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Por kio??

# AEA Informas

Nia lasta Skype kunveno okazis jaŭdon, la 25-an de oktobro 2012.

Partoprenis Indrani, Kam Lee, Margaret kaj Sandor. Heather devis "savi" sian filinon kaj kvar genepojn.

* Ni multe diskutis pri nia retejo. Ni ankaŭ aŭskultis la opiniojn kaj proponojn de Jim Radford.

Ni decidis krei novan AEA retejon.

Dum kelkaj tagoj ni kolektas nian erojn, kiujn ni ŝatus havi sur nia retejo. Poste Jim kreos la unuajn paĝojn. Ni tre ŝatus lanĉi la novan retejon dum nia Esperanto evento en Melburno (17 – 21/1/2013)

Kontribuu donante viajn ideojn.

* La programo de la Melburna evento bezonas pli da programereroj. Kelkaj de la verŝajnoj eroj : diskuto pri niaj arkivoj kun vizito al 'Fort Knox'.

* Ni ankoraŭ ne havas propran superrigardon pri nia financa situacio. ….. sed ni daŭrigas la esploradojn.

Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

GOODWILL CONGRESS MELBOURNE 17-21 JANUARY, 2013

Ne estos Aŭstralia somerlernejo dum januaro 2013 Estos Bonkora Kongreso 17-21 Januaro 2012 en Melburno Pliaj informoj venos

# LETEROJ mallongaj de la legantoj



Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## Donald Broadribb unue alvenis Aŭstralien en 1962



Nekrologo por Donald Broadribb aperos en la Decembra ESK. Don unue venis al Aŭstralio en 1962. Ricevinte Doktorecan Diplomon de la Universitato de Melburno, li instruis Komparajn Religiojn tie dum 10 jaroj. Post tio li edukiĝis ĉe la CG Jung Instituto en Svislando, kaj en 1974 venis al Perto kie li lekciis ĉe UWA, krom praktiki en la kampo de Analiza Psikologio. (Liz Broadribb petis min klarigi ĉi tion, ĉar ŝi jam ricevis diversajn komunikaĵojn kiuj asertas, malprave, ke Don unue venis al Aŭstralio en 1974.) informas Vera

## Gordon komentas pri tio kion Franciska skribis. AE 82

**Franciska,**

**Se homo hazarde prenus kopion de tiu-ĉi novaĵletero, por ekrigardi ĝin sen scii kio estas Esperanto, ŝi/li simple demetus ĝin, eksciinte nenion!**

**Mi antaŭ nelonge rigardis francan esperant-retpaĝon (nur por ion serĉi), kaj tie mi vidis presitaĵon en Esperanto kaj en la franca - du rubrikojn flank-al-flanke, unu en la franca kaj la alia en Esperanto.**

**Tio signifis ke homo kiu prenus kopion aŭ ekinteresiĝus pri lernado de la lingvo, povus sekvi la enhavon de la artikolo kaj eble aliĝi al la movado.**

**Bedaŭrinde, la uzado de nur Esperanto donas impreson de ekskluziva klasafektado. Kaj pri tio mi jam skribis en 2005.**

**Gordon Coleman Adelaide Tottenham Boy in Exile**

La novaĵletero celas la Aŭstralian Esperantistan Familion per Esperanto. Roger

# Kion fari kun niaj historiaĵoj?

En unu el la melburnaj deponejoj estas proksimume 30 ĝis 40 kubaj metroj da esperantaĵoj. Inter ili troviĝas kelkaj eroj ĝis 100-jaraj, kelkaj revuo-kolektoj, leteroj, fotoj, eble originalo de la Esperante subtekstita aŭstralia film-klasikaĵo "Ŝtormido" ktp.

La deponado kostas sufiĉe multe kaj la deponitaĵoj estas malfacile alireblaj. Eble estas inter ili kelkaj veraj trezoroj, eble iuj dokumentoj estos gravaj por la estontaj generacioj... Mi ege ŝatus havi ordigitan, viziteblan kaj konsulteblan arĥivejon (precipe por leteroj, fotoj, dokumentoj), kiu servu ankaŭ kiel E-biblioteko. Por komenco necesas unu ĉambro kaj bretaroj.



Ĉu troviĝas ie konvena ejo? Ĉu iu el ni havas sciojn pri arĥivado kaj povas helpi? Kiujn aliajn ideojn havas vi?
Katja Steele

Mi ĵus malkovris Interpals , retejon por renkonti novajn amikojn kaj ekzerci lingvojn. Kelkaj tie lernis Esperanton per libro aŭ komputilo kaj nun serĉas korespondamikojn por plibonigi sian Esperanton. Ili estas plejparte junuloj. **http://www.interpals.net/language/EO**

Amikajn bondezirojn,
Diano

## Rainer Kurz: Helpu distribui informon pri Esperanto-filmkonkurso "125 jaroj da Esperanto"

Karaj amikoj,

je la 10a de Aŭgusto, mi jam sendis informon al vi pri la internacia filmkonkurso. Intertempe ni ricevis 17 kontribuojn el 10 diversaj landoj. Multaj pliaj filmistoj volis kontribui, sed ne povis pro la frua limdato (30a de Septembro). Tial ni decidis plilongigi la **limdaton al la 31a de Decembro 2012**.



La internacia filmkonkurso estas kontribuo de la Germana Esperanto-Asocio al la 125 jaroj de Esperanto. Pliaj informoj troviĝas sube aŭ je http://esperanto.de/gea/film-eo.html aŭ je intervjuo de Ĉina Radio Internacia http://esperanto.cri.cn/641/2012/08/24/1s139970.htm . Bonvolu helpi nin subteni tiun gravan datrevenon:

o Mi petas vin distribui la PDF al ĉiuj viaj Esperanto-amikoj, (nacie kaj internacie). Ju pli multe, des pli bone. Bv. peti viajn amikojn redistribui la dokumenton.

o Eble vi ankaŭ povus aranĝi publikadon en gazetoj aŭ interretaj forumoj.

o Mi ankaŭ serĉas voluntulojn, kiuj tradukas la dokumenton al siaj lingvoj kaj sendas ĝin al filmistoj aŭ filmakademioj en sia lando. Jam ekzistas tradukoj por jenaj lingvoj:

- English: http://esperanto.de/gea/125/125_en.pdf
- Esperanto: http://esperanto.de/gea/125/125_eo.pdf

Min dankas vin por via subteno

Rainer Kurz
Organizanto de la filmkonkurso

# LETEROJ IOM LONGAJ

Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena



## Konkurso per mallongaj filmoj: Esperanto 125-jara

Germana Esperanto-Asocio okazigas konkurson per mallongaj filmoj kun premioj de entute 5000 EUR. Ĉiu povas partopreni, de komencanto ĝis absoluta profesiulo. La sola kriterio estas via kreiveco.
La prezento de la plej bonaj filmoj kaj la transdonado de la premioj okazos la 9an de Februaro 2013* en Berlino.

### Partoprenkondiĉoj

- Ĉiu filmo estu maksimume 5 minutojn longa.
- La rajto pri la muziko por publika prezento devas esti certigita.
- La personoj en la filmo permesis la uzon por publika prezento.
- La filmfaranto garantias per sia subskribo, ke li havas ĉiujn necesajn permesojn kaj rajtojn kaj ke neniuj rajtoj de aliaj personoj estas lezitaj.
- Post la konkurso la filmoj estos libere prezenteblaj por ĉiuj sub la “Creative-Commons-Licence (CC-BY)”.

### Kio gravas?

Montru al ni, kion la lingvo Esperanto signifas al vi, aŭ montru, kiel oni povas entuziasmigi la homojn pri Esperanto. Ne gravas, kiun lingvon vi uzas aŭ kiujn teknikaĵojn. Ne ekzistas limoj ĉe la interpretado.

### Kiu povas partopreni?
Ĉiuj! Amatoraj reĝisoroj, filmŝatantoj, amaskomunikilaj agentejoj por medioj, studentoj kaj kreemaj homoj el la tuta mondo.

### Kio estas permesata?
Ĉio! De desegnofilmoj al dokumentantaj filmoj ĝis teatraj filmoj, ĉion ni volonte rigardos. La formato ne havas limojn, de movebla telefono al filmkamero. Ĉiu lingvo de la mondo povas esti uzata.

### Kiel partopreni?
- Limdato estas la 31a de Decembro 2012.
- Ĉiuj filmoj faritaj en 2012 estas akceptataj.
- Necesas sendi la filmon en kutima teknika formato (ekz. mov, mpeg, avi, DVD).
- Bonvolu ne sendi originalojn ĉar ni poste ne povos resendi ilin.
- Partopreno eblas nur per poŝtaĵo al:

**Kurzfilmwettbewerb - Germana Esperanto Asocio**
**Silberburgstraße 82**
**70176 Stuttgart**
**Germanio**

### Premioj
- Plej bona filmo: €2000
- Plej bona ideo: €1000
- Plej bona filmo en Esperanto: €1000
- Premio de la publiko: €1000

Jura traktado de la rezulto ne eblas. Se Germana Esperanto-Asocio ne ricevos sufiĉe multajn filmetojn, ĝi rezervas al si la rajton, elŝuti ne ĉiun premion.

### Ĉu estas pliaj demandoj?
Skribu al kurzfilmwettbewerb@esperanto.de aŭ telefonu al Rainer Kurz +49-163-3873785. Por tradukoj al Esperanto aŭ la germana lingvo Germana Esperanto-Asocio estas je via dispono.

### Mallongaj informoj pri Esperanto
Esperanto estis prezentata antaŭ 125 jaroj al la publiko je 1887-07-26 kiel lingvoprojekto. Ek de tiam tiom multaj homoj lernis ĝin kaj per la uzo pli evoluigis ĝin, ke Esperanto hodiaŭ estas aŭtenta lingvo. Jen la historie unua pruvo, ke lingvoj povas esti kreataj.
La uzeblo de Esperanto estas elprovita en ĉiuj komunikaj situacioj, inkluzive la dulingvan edukon kaj skribe en sciencaj kaj literaturaj verkoj. La Esperanto-aŭtoroj formas propran grupon en la mondvasta unuiĝo de verkistoj de la PEN-kluboj.
La fascinon de Esperanto kaŭzas ĉefe ĝia facila lerneblo, kiu helpas ankaŭ al ne-Eŭropanoj. Esperanto-parolantoj spertas komunan sennaciecan identecon kiel lingve egalrajtaj mondcivitanoj. Aparte de naciaj kaj internaciaj kongresoj kaj renkontiĝoj la plej multa komunikado okazas en la Interreto. Google kaj Facebook havas Esperanto-versiojn, la Esperanto-Vikipedio ampleksas nun proksimume 165.000 artikolojn (la 27a el 285 lingvoj). Pli ol 100.000 homoj registris sin en la Esperanto-instruejo lernu.net.

*: Tiu aranĝo ne estas parto de la oficiala Berlinale-festivalo, kiu okazas samtempe en Berlino.
Rimarkigo: Esperantistoj estas invitataj traduki tiun ĉi dokumenton al aliaj lingvoj. –

Salutas Rainer Kurz